# KELKAJ IMPRESOJ DE BOHEMO EN PARIZO.

*Unu el la plej bonaj (kvankam ne la plej grandaj) ĉiutagaj gazetoj bohemaj — »Čas« — antaŭ nelonge alportis felietonon, kiun ni represas en Esperanto kun espero, ke per tio neniun el niaj francaj amikoj ni ofendos, sed kontraŭe, ke ni igos ilin pli bone informiĝi. Certe suficê da okazoj por tio ili havas nome en verkoj de sia scienculo Ernest Denis, profesoro ĉe la universitato en Bordeaux: »Fin de l' independance bohême« kaj »La Bohême depuis la Montagne-Blanche«, Paris, Em. Leroux, 1903. Al kiu tio ĉi ne suficus, tiun ni atentigas je verkoj kaj studaĵoj de K. A. Saint-René Taillandier en »Revue des deux mondes« el j. 1843 kaj la sekvanta, je verko de la sama aŭtoro »Tchèques et Magyars, Bohême et Hongrie au XV—XIX. siècle«, je historiaj romanoj de Georg. Sand »Consuelo« kaj »La comtesse de Rudolstadt« (1842—1843), je Boisnormand de Bonnechose (»Les réformateurs avant la reforme du XVI. siècle«), je verkoj kaj studaĵoj de L. Leger (»Histoire universelle«), de R. Reuss, Charveriat, Jul. Zeller, Michiels, Asseline, Laveley, Valfrey, D. Lévy, Marbeau, Himly k. a.*

*Por korektoj, klarigoj kaj plenigoj kiel por taŭgaj esperantaj fragmentoj el la supre nomitoj verkoj ni estos dankaj. — **La redakcio.***

*

Ĉu vi povas prezenti al vi, kian sonon havis por mi la nomo Parizo? Mi estis en Ĝenevo. Juna, inteligenta Ruso, kun kiu mi konatiĝis, ankoraŭ pliigis, se eble, miau scivolemon. »Tio ne estas Francoj — li diradis — tiuj Ĝenevanoj. Bonaj homoj jes, sed kompare al Francoj tiom mallertaj! Kaj Parizo! vi eĉ ne scias, kiel mi sopiras je ĝi. Tiu granda, harmonia tuto, en kiu kunfluas ĉio, kion vi vidas kaj aŭdas. Certe ankaŭ vin ĝi ravigos. Mi envias al vi, kredu, ke mi ne povas kun vi reveni Parizon, kie

mi pasigis miajn plej belajn jarojn«! Tia estis rekantaĵo de nia ĉiutaga amuzado. Miru, ke mi mallongigis mian loĝadon en Ĝenevo, kvankam iom alie mi rigardis je tiu koketa »malgranda Parizo«.

Mi demandadis je Pariza vivo, je Pariza societo, kaj ĉu estas facile komenci pli intimajn rilatojn kun Francoj. La Ruso certigis, ke Slavo en Parizo ĉie estas volonte vidata kaj li rakontis al mi multe pri slavofileco (slavamo) de Francoj. Ankaŭ en tiu ĉi demando mi estis tre scivola kaj mi volis konvinkiĝi mem.

Mi forlasis do la ĉarmegan Lemanan lagon. Monto Blanka ĉesis kaprici kaj ankoraŭ ekrigardis tra nuboj, por ke mi povu al ĝi diri mian adiaŭ, kaj mi veturis al Parizo. Matene mi-atingis celon. La unua impreso en vera senco de l' vorto ebriigis min. Tiu belegeco de prospektoj, kien ajn la okuloj sin turnis, kaj ĉie plene da vivo senĉese fluanta, miksaĵo de plej diversaj tonoj venadis al mia orelo kaj tamen eĉ tiu bruo kaj bruego havis ian harmonion, ian melodion, el kiu klare sonis kantataj ekkrioj de kriistoj kaj kriistinoj.*

Sed al la afero. Mi volis iom skribi pri la unuaj impresoj de Bohemo en Parizo.

Mi ekmiris iom — kvankam mi neniam estis optimisto — ke Francoj de ordinara klero pri ni Bohemoj eĉ ne scias. Mi devis sufiĉe ofte, kiam mi tie hejmiĝis, klarigadi per helpo de ideoj Autrichien kaj Slave, kio estas Bohemo; jam en Ĝenevo unu sufiĉe klera sinjorino min demandis, ĉu la Bohemoj parolas germane. Mi poste eĉ ne miris, kiam foje en ekspozicio en la bohema interiero mi aŭdis la plej grandajn sensencaĵojn, kiajn mi de Francoj ne atendis. »Interieur tchèque? — C'est dans les Pays-Bas, n'est ce pas?« (Interiero bohema? — Tio estas eble en Holando?) La bohema apartaĵo estis apud apartaĵo holanda. Ree brava Parizano kun filineto rapidis tra nia interiero, ekrigardis ĉirkaŭe en la plej granda rapideco kaj laŭdis belan aranĝon: »Mi ĉiam diras, tiuj Germanoj havas guston!« Pri la franca supraĵeco oni povus multe skribi kaj mi komprenas indignon de unu bohema sinjorino, kiu aŭdinte multe da tiaj sensencaĵoj, diris: »Se ni Bohemoj estus tiel malsaĝaj kiel Francoj, ili scius pri ni tute ne-

* Vyvolavačů a vyvolavaček.

nion«. Al tiu diro mi devis sincere ekridi. Tamen estas ja vero, ke pri suprajeco de Francoj ni en Bohemujo ne havas ideon. Tio ĉio kompreneble estas vera nur pri mezo de franca societo.

Certe estas sufiĉe da Francoj kaj mi ekkonis multe da ili, al kiuj ni ne povas esti maljustaj, kiuj vere interesiĝas pri ni. Kaj se ni parolas pri la francaj simpatioj, ne estas tio tute malĝusta — ni trovas ilin ĉie. Sed kio estas tiuj simpatioj? Sentoj tiom neprecizaj! Se ili nur konus nin!

Mi devas rimarki unu ĉarman aventuron, kiu okazis al mi, sed kiun mi certe ne citas kiel dokumento. Mi venis en quartier latin. Sur placo de la Sorbonne mi sidiĝis en kafejo kaj observis studentojn en amuzo kun grisetoj. Fine unu griseto alproksimiĝis al mi, elegante vestita, kun bela mustelo ĉirkaŭ kolo kaj ŝi petis min, ke mi pagu al ŝi malgrandan glason da biero. Mi jesis kaj ekparolis kun ŝi. Mia belulino — ŝi ne estis malbela, kvankam el ŝiaj okuloj rigardis mizero — demandas min: »Ĉu vi estas Franco«? »Ne, mi estas Bohemo«, mi respondas. »Un Tchèque«, kaj ŝi enpensiĝis. Ŝi ne komprenis. Mi klarigis, ke Tchèque estas un Slave, Slavo. »Un Suave«? ŝi demandis kaj fine rapide diris: »Ah je le sais dejà. J'ai lu un article sur vous dans le journal. Les Tchèques sont de Boxers n'est ce pas«? (Ah, mi jam scias. Mi legis artikolon pri vi en gazeto. Bohemoj estas Bokseroj, ĉu ne vere?)

Tiun ĉi aventuron mi citis nur preterpase. Entute mi havis impreson, ke Francoj pri ni preskaŭ ne scias. Vere, Francoj ĝenerale malmulte observas fremdujon, kaj ke la franca burĝo pri ni multe ne scias, al tio ni ne miru. El ĵurnaloj li ekscias pri ni tre malmulte, kaj de alie? — Ni donas al Francoj, kiel al fremdujo entute, ankoraŭ malmulte da okazoj interesiĝi pri ni. Sole laboro gajnos al ni respekton de fremdujo. Iom post iom ni jam fariĝas konataj, sed ni ne devas trompi nin, tre malrapide. Ni renkontiĝas kun malmulte da ekkompreno ankoraŭ. Kies kulpo tio estas? Nia! Eble nenio donas tiel bonan okazon ekkoni nacion kiel ĝia literaturo. Kaj ni ekrigardu, kion oni scias en la mondo pri nia literaturo? Kaj tie ĉi sen kontraŭstaro estas kulpo sur nia flanko! Ĉiam ni atendas, ĝis Franco, Germano, Ruso ion el nia literaturo tradukos (kompreneble estas ankaŭ esceptoj), sed alia na-

cio, kiel rusa, germana, tiel ĉiu alia, mem donas okazon al aliaj nacioj konatiĝi kun ĝia literaturo. Kiam eliris rusa libro, tuj Ruso ĝin tradukas en lingvon francan. Ankaŭ ne sufiĉas unu specimeno, kiel jam Goethe montris. Ni devas tradukadi multe, ĉion, kion bonan ni havas.

Tradukis N. B. *Gotthard Storch.*

## FESTO DE NEŬTRALLINGVANOJ.

La paco, kies ideo estas internacia, instituciis internacian feston kaj en unu tago la pacanoj de l' tuta globo festas kreskadon de sia ideo.

La ideo de l' pacanoj havas multe da komuneco kun nia ideo. Ambaŭ ili celas proksimiĝon kaj fratiĝon de l' popoloj. Tial estus tre bone, se ni, neŭtrallingvanoj, ankaŭ institucius nian internacian feston, elektinte por ĉi tiu unu difinitan tagon en jaro.

En unu tago societoj kaj rondetoj internaciaj kolektiĝadus kaj en plej bona maniero festadus kreskon de nia ideo en la mondo, kaj publike montradus niajn progresojn. Al ĉi tiu tago kaj en ĉi tiu tago diversaj societoj kaj rondetoj ricevadus leterojn kaj telegramojn gratulajn, kiuj montradus al ĉiuj vivan kuneligon de l' neŭtrallingvanoj.

Niaj revuoj raportas pri ekzistado de diversaj societoj kaj rondetoj en diversa tempo, kaj oni ne povas unutempe vidi niajn fortojn. Sed en festo internacia reciprokaj gratuloj de societoj, de rondetoj kaj de apartaj personoj, poste raportoj pri la festo, montradus bone nian konstantan amikaron. Niaj amikoj, nerimarkitaj pro iaj malfavoraj cirkonstancoj, en niaj rondoj havus la eblon aperigi sin aŭ veninte en ian festantan rondon, aŭ sendinte telegramon aŭ leteron al ia granda esperantista centro.

Utilo de komuna unutaga internacia festo estas klara. Restas la demando, kiun tagon ni devas elekti.

Tagon de ia debuto pri lingvo internacia difinita, ni ne povus kaj ne devus elekti. Krom esperantistoj ekzistas ja la »Delegacio por la elekto de helpa lingvo internacia«, kies membroj povas ankaŭ aliĝi al nia festo, se ni institucios ĝin neŭtrale. Krom tio ekzistas volapü-

kistoj, neŭtral-idiomistoj, latinistoj k. c., kun kiuj ni devas unuiĝi, kaj eble ĉi tiu festo helpos al multaj el ili kompreni nin pli bone.

S-o Rogačev-Antonov, el societo »Espero«, konsilis elekti kiel festan tagon pentekoston.

Efektive, ĉi tiu tago estas tre oportuna. Pentekosto estas festo, en kiu la apostoloj de la granda ideo ricevis la eblon esti tutmonde komprenataj lingve kaj kompreni lingve tutan mondon. Pli oportunan simbolon ni ne povus trovi.

Pentekosto per si mem estas granda festo, festata sur la tuta tera globo. Ĝi estas tago libera de laboroj kaj okazas en la pli kontinenta duonglobo en printempo aŭ en somero, entute en libertempo oportuna por kunvenoj kaj kunveturoj.

Estus tre bone, se en la jaro 1905 ni festus nian internacilingvan feston! △

Rimarko de l' aŭtoro: La proponojn kaj opiniojn pri tiu ĉi projekto oni sendu afable al la redakcio de »Č. E.«

# HERBERT SPENCER.

De Dro *Richard Adamík.*

La 8an de decembro 1903 mortis viro, kiu preskaŭ duonon de centjaro ludis kondukan rolon en filozofia pensado, unu el tiuj filozofoj, kiuj donis al la homaro novajn pensojn kaj per tio malfermis novajn vojojn en ĝia plua evolucio. — Herbert Spencer per sia sistemo de sinteza filozofio donis novan, unuecan opinion pri la tuta vivo. Sur la sola principo evolucia li fondis sian filozofian sistemon kaj montris, ke tiu ĉi regas la tutan vivon, la tutan naturon. Se antaŭ li pruvis astronomoj, ke kosmo estas regata de certaj leĝoj, se pruvis geologoj, ke la mondo en longa estinteco[1] estis gvidata de la samaj leĝoj kiel hodiaŭ, kaj ke en tiu tuta evolucio regas certa ordo, Herbert Spencer pruvis, ke la tuta organika naturo kun spirita vivo kaj ĝiaj produktoj estas submetita al la sama leĝo de evolucio. Li vidis, ke la vivo, spirito, homo, scienco, arto, lingvaĵo, moraleco, societo, ŝtato kaj ĝiaj

[1] V dávné minulosti.

institucioj estas aferoj malrapide kaj senĉese evoluciantaj. Spencer ja ne estis la unua, kiu estis uzinta tiun ĉi metodon esplorau sur apartajn kazojn, sed li estis la unua, kiu ĝin uzis kiel metodon ĝeneralan. Li ekkonis, ke tiu ĉi principo evolucia donas al ni novan opinion pri la homa naturo, ke ĝi donos al ni novan psikologion kaj novan sociologion; kaj li sur fundamento de evolucia principo kreis larĝan sistemon filozofian.

Spencer montris al tio, ke la demando, kiel la aferoj fariĝis, estas demando de fundamenta graveco; neniam ni povas bone ekkompreni, kio estas la aferoj, se ni ne scias, kiel ili fariĝis tiaj, kiaj ili estas. Kaj en lia tuta sistemo de filozofio lin okupas tiu »kiel«, tiu demando pri deveno kiel de kreitaro, tiel de spirita vivo, morala aŭ societa ordo.

Spencer estas filozofo de la principo evolucia, de la principo, kiu ege influis sur nian pensadon kaj nian opinion pri universo. La pensoj, kiuj antaŭ kvarono de centjaro ankoraŭ timigetis[2], eĉ vekadis kontraŭstaron, en paso de dekjaroj fariĝis preskaŭ spirita havo de ĉiuj kleruloj. Ni transprenis ilin el la plej diversaj fakoj de spirita vivo, ni ensuĉis ilin en nin kaj kalkulas kun ili kiel kun evidentaj. Kaj hodiaŭ apenaŭ venas al nia konscio, ke tiu evolucia ideo, tiu brilega konstruaĵo de homa spirito, estis ellaboraĵo de viro, de unu homo kaj ke la homaro antaŭ duono de centjaro alie pensis, neniom sciante pri fundamenta principo de ĉia organika vivo.

Por taksi filozofion de Spencer, oni necese devas iom pli larĝe ekparoli pri lia vivo kaj liaj planoj kaj laboroj. El lia vivo ni ekkomprenos eĉ multajn trajtojn de lia filozofio.

Spencer naskiĝis en jaro 1820 en koro de Anglujo, en Derby. Li estas do vera Anglo kiel Darwin kontraŭ Mill, Carlyle, Ruskin, Macaulay kaj Hamilton, kiuj estas ĉiuj de skota deveno. Spencer devenas el instruista familio; lia avo, patro kaj onklo estis instruistoj. Pri lia patrino oni scias malmulte; oni ŝin ordinare priskribas kiel amindan, komunikeman sinjorinon, kiu sian filon tre admiris, sed al liaj verkoj — krom kelke malmulte da provaĵoj — ŝi ne komprenis. Patro de Spencer estis spi-

[2] Zarážeti.

rita eminentulo. Kiuj konis lin persone, laŭdas lin kiel viron delikate kleran, memstare pensantan kaj spirite tre sagacan homon. Ŝajnas esti preskaŭ certa, ke Spencer siajn spiritajn dispoziciojn heredis, parte transprenis de sia patro. En sia lerneja profesio lia patro estis decida malamiko de kutima metodo, kiu troŝtopas la memoron de l' infanoj per libra sciado. Li pli ŝatis, ke la infanoj estu kondukataj al memagemo kaj memstaremo en pensado kaj observado; kaj laŭ tiuj ĉi pedagogiaj ideoj li edukis sian filon. Kiel konate, Spencer mem pli malfrue tiujn ideojn de l' patro varmege defendis kaj traktis ilin larĝe en bela verketo pri edukado. — Spencer mem diris, ke la plej karakterizajn trajtojn de sia pensado li ŝuldas al sia patro, precipe al lia »profunde enestanta inklino, ĉie esplori pri kaŭzoj, tiuj de fizika naturo«. — Sed lia patro influis sur lin pli per sia ekzemplo ol per direkta instruado.

Ĉar Spencer en sia frua juneco estis tre malforta, la patro evitis ĉiun premon kaj trostreĉadon de liaj spiritaj fortoj, ke Herbert estis nenia mirakla infano. Estante sepjara li ellernis legi, kaj en lernejo li ne tro progresis. Jam tiam al li tedis parkera lernado kaj li volis ĉie iri sian vojon. La pli gravan parton de edukado li ricevis de l' patro ekstere de lernejo. Lia patro instruis lin desegni laŭ naturo, en kio Herbert rapide progresis, kaj kondukis lin kolekti skarabojn, papiliojn kaj florojn, subtenante tiel lian naturan amon al naturo. — Krom tio lia patro lin kunprenadis al horoj, en kiuj li faradis kun siaj privataj lernantoj fizikajn kaj ĥemiajn eksperimentojn. Tie de malgranda knabo falis la lerneja apatio, kaj li kun vervo kaj amo sekvis konsilojn kaj ekzemplon de sia patro. Pli malfrue li havis permesite ĉeesti al regulaj disputadoj, en kiuj lia patro kaj onklo analizis akutajn demandojn politikajn kaj religiajn. Per nombraj sciencaj kaj literaturaj gazetoj, kiuj venadis en domon de l' patro, povis juna Spencer en plua aĝo trankviligadi sian febran sopiron je sciado.

Edukado de Spencer en juneco estis preskaŭ plene libera, memstara. Estas interesa, ke junulo Spencer rifuzis per sia tuta personeco vizitadi universitaton — kaj nature liaj patro kaj onklo al li en tio kompreneble cedis. Juna knabo havis tedon kaj ankaŭ nesufiĉan memoron por

parkera lernado de vortoj kaj de gramatikaj reguloj kaj tio forpuŝadis lin de universitata studo. Sed kie oni agis pri leĝoj, pri konstrukcio kaj dedukcio, kiel por ekzemplo en matematiko kaj meĥaniko, tie li baldaŭ superis siajn kunlernantojn. — Ŝajnas, ke aperis kelkaj mankoj pli malfrue en laboro de Spencer pro nezorgo pri universitata studo, sed certe li gajnis per tio multe pli, ke li agis laŭ siaj inklinoj kaj sia memstara klero. Certe ke multa el liaj kapablecoj fariĝus ofero de arta edukado universitata. Eĉ lia onklo, akademie alte klera viro, pli malfrue konfesis, ke Spencer ĉe sia aparta spirita strukturo elektis ĝustan vojon, irante post siaj inklinoj.

En 17a jaro laŭ deziro de patro li estis dedononta sin al instruista profesio, al kiu li havis sufiĉan talenton. Kaj Spencer ankaŭ komencis sian vojon sur kampo instruista. Sed ne por longe. Jam venontan jaron 1837 li estis rekomendita por fervoja inĝeniero pro sia bonega kono de matematiko. Kaj Spencer tiun lokon ankaŭ akceptis. En tiu profesio li eldaŭris ĝis jaro 1846, kiam li de inĝeniereco plene eksiĝis. En liberaj momentoj li laboris pri meĥanikaj eltrovoj, geologio kaj naturscienco ĝenerale. Kiam li demetis sian profesion inĝenieran, li intencis de nun esti verkisto, kaj akceptis oficon de subredaktoro en semajna gazeto »Ekonomist.« Jam en jaro 1850 li eldonis la unuan pli grandan verkon »Social Statics«, kiu vekis rimarkindan atenton de fakistoj kaj gajnis al li favoron de eminentaj personoj. Ĵus de tiu tempo datiĝas lia tutan vivon daŭranta amikeco kun Huxley, Lewes, George Elliot, Tyndal, Mill, Grot, Hook kaj aliaj. — Kun ĉiuj tiuj viroj Spencer konservis personan amikecon ĝis fino de vivo. Sole kun Carlyle li ne sciis konsentiĝi; ĥolerika pesimismo de Carlyle estis al trankvile juĝema Spencer por pli longa tempo neelportebla. — La verko »Social Statics« havis decidantan influon sur lian pluan vivadan laboron.[3] — Ĝi donis al li konscion de lia propra forto spirita, kaj atentigis lin pri problemoj, per kiuj li estis plu okupiĝonta. Dekjaro 1848—1858 estas tempo, en kiu maturiĝadis kaj malrapide proksimiĝadis al efektiviĝo granda plano en animo de nia filozofo, faraĵo, al kiu li dediĉis sian tutan pluan vivon. — En jaro 1853 eliris pli granda verko de

[3] Životní práce.

Spencer, »Fundamentoj de psikologio«, libro, en kiu li starigas sciencan psikologion sur tute novan fundamenton. Tiu ĉi verko gajnis al Spencer lokon inter ĉiuj eminentaj scienculoj. Sed ĝi havis ankaŭ tre malfeliĉajn sekvojn por lia sano. Per senlaca laboro kaj nezorgo pri sano li altiris al si gravan kronikan malsanon. Spencer de tiu tempo suferis de sengusteco kaj sendormeco, kiuj lin tiel senfortigadis, ke nur vivante laŭ la plej severaj reguloj, li povis spirite labori — en la plej favora kazo li povis nur tri horojn ĉiutage energie labori. Estis maldolĉaj tiuj momentoj por Spencer kaj ni komprenos, kial li en sia etiko kun tia energio starigas zorgon pri sia propra sano kiel etikan devon.

Dum laborado de psikologio en nia filozofo maturiĝadis konvinko, ke leĝo de evolucio, kiun li pruvis kiel valorantan por homa spirito, eble valoras ankaŭ kiel universa leĝo[4] por tutan organikan naturon kaj ke tiu universala[5] leĝo havas ankaŭ universalan kaŭzon. Spencer en la sama jaro 1858 ekintencis ellabori el tiu vidopunkto tutan ideon pri universo[6], fondi sur bazo de evolucia principo sistemon filozofian. Kaj ankaŭ sen prokrasto kun trankvilo kaj singardemo de Anglo li komencis tiun grandegan laboron. Li faris dispozicion pri tuta laboro por 7 volumoj, kiuj estis eldonotaj en 20 jaroj. En la estonta jaro li ŝanĝis dispozicion, kiu nun estis por 10 volumoj kaj samtempe li eldonis detalan prospekton, en kiu li en 33 partoj donas detalan resumon pri tuta verko. Estas vere admirinde, kun kia klareco jam tiam en komencoj Spencer koncipis faraĵon de sia vivo; jam tiam en jaro 1859 ĝi estis preta en lia kapo preskaŭ tuta en la ĉefaj trajtoj; nur en malmultaj kazoj li dekliniĝis poste de sia devena dispozicio; kaj tamen ĝi estis laboro, kiel montris la estonteco, de plenaj tridek kvin jaroj. — Jam tiu ĉi trajto karakterizas sufiĉe la karakteron de Spencer.

Sed la propra batalo kun vivo estis nune komenconta. Spencer estis al pli vasta publiko preskaŭ nekonata; li ne povis trovi eldoniston por sia verko kaj rimedojn por eldoni ĝin mem, li ankaŭ ne havis. Liaj ami-

[4] Světový zákon. [5] Všeobecný. [6] Světový názor. Ví-li někdo lepší překlad esperantský, sděl nám ho.

koj lin de tia entrepreno ankaŭ dekonsilis.[7] Sed Spencer ne lasis sin timigi: li bone sentis, ke ĝi estas celo de lia vivo dediĉi sin tute al granda problemo kaj li estis viro de neordinara forto spirita, ol forlasi sian entreprenon. Fine li komencis sian sistemon publikigadi je subskripcio. Tiuj jaroj estis plenaj de sufero kaj malsukceso, kiujn Spencer spertis en siaj komencoj. Kelkfoje li devis ĉesigi eldonadon de siaj verkoj pro manko da mono. Kiam li heredis post sia onklo kaj patro pli grandajn sumojn, li oferis ilin al sia entrepreno, sed ankaŭ tiuj malaperis. Per helpo de eminenta Amerikano Livingstone Youmans, kiu pleje klopodis pri vastigo kaj scienca popularigo de Spencer en Unuigitaj Ŝtatoj, estis al li plifoje ebligita plua eldonado de siaj verkoj. Tiuj bataloj daŭris preskaŭ ĝis jaro 1875. Tiam liaj perdoj jam egaliĝis kaj de tiu tempo li ĝojis al pli granda favoro de sorto, kaj povis jam trankvile daŭrigi laboron de sia vivo. Spencer de tiu tempo jam loĝis en Londono. Ke li ne estis en 20 jaroj preta kun sia laboro, havis kaŭzon nur en lia kaduka sano. Montriĝis, ke li ne estas kapabla eĉ 3 horojn ĉiutage spirite labori kaj estis eĉ semajnoj kaj monatoj, kiam li devis lasi ĉian spiritan laboron. Kiam en fino de jaroj sepdekaj lia sano tiom malboniĝis, ke li ne esperis fini sian sistemon, li turnis sin tuj al sia etiko, kiu devis esti supro de lia filozofio kaj pleje kuŝis sur lia koro. Sed en la estontaj jaroj lia sano ree plifortiĝis kaj li finis ne nur etikon, sed ankaŭ sociologion.

Lia verko eliris en 10 volumoj kiel li devene projektis; ĝi enhavas ĉirkaŭ 6 mil paĝojn kaj estas dividita en kvin ĉefajn fakojn, nome: fundamentoj de filozofio, fundamentoj de biologio, fundamentoj de psikologio, fundamentoj de sociologio kaj fundamentoj de etiko.

El bohema semajna gazeto »Přehled«.

Tradukis *N. B.**

*

* Mi petas la legantojn, kiu el ili scias pli perfekte esprimi diversajn dirmanierojn, tiu afable volu skribi notojn pri tiu ĉi traduko al la redakcio de »Český Esperantista.«

La tradukinto.

[7] Zrazovati.

# ESPERANTO A PAEDAGOGIKA.

Prof. Dr. *Carlo Bourlet*, Paříž.

Již po mnoho let učím mladíky mathematice. Žáci moji jsou nyní vesměs 17—20letí, pozoroval jsem pak mnohdy jak nelogický a k přesnému vybavování nezpůsobilý jest duch jejich. Jsou i příliš náchylni přijímati vše mlčky a učiti se vědě ne analyticky, než téměř jakoby nedotknutelnému dogmatu.

Tomu jsem se velmi divil.

Duch dětský jest přece velmi zvědavý a nadmíru logický. Malý hošík, sotva že začíná mluviti, plno má otázek: *Proč, tatínku, je mořská voda slaná? Proč, maminko, pálí oheň neopatrné děti? Proč . . .?* a ještě *Proč . . .?* A rodiče často, znechuceni tolika proč, odpovídají: *Je to tak, protože je to tak!*

Špatná to odpověď, jež zvyká děti přijímati mlčky všelikou odpověď a dusí přirozenou přemítavost mladého jich ducha.

Jsou však přece i rodiče vzdělaní, kteří snaží se vysvětliti dětem svým co nejvíce, a tyto přece, po nějakém pobytu ve škole, pozbývají vší své zvědavosti a zkoumavosti.

Co jest příčinou této politování hodné změny ducha dětského?

Pátral jsem, a hle, co jsem shledal.

Když hošík vstoupí do školy, učí se především čísti a psáti. Naučiv se abecedě, učí se skládati hlásky ve slova.[1] Hned od prvého kroku, ať jest Angličan nebo Francouz, poznává, že písmena pozbývají obyčejně významu svého abecedního, když jich seřazení měníme. Vidí, že vše jest téměř zcela libovolné a nepravidelné; a když francouzský žáček táže se, *proč spojené A a U tvoří hlásku O*, nešťastný učitel může mu odpověděti jen známou frází, již hoch tak často uslyší za svého života: *Tak je to, protože je to tak!*

Po tomto prvém nelogickém cvičení dogmatickém počíná se dítko učiti mluvnici a arithmetice![1]

Ach běda! tu opět a důrazněji opakuje se utěšené *vysvětlení*: *Tak je to . . .!*

V mluvnici u každého pravidla nalézá jednu, dvě, tři atd. výjimky, tak že pravidlo brzy tone pod jich zá-

[1] Že u nás tomu není tak docela, netřeba snad vykládati. *Red.*

plavou. Vždyť u nás Francouzů vzniklo přísloví: *Žádné pravidlo bez výjimky.* Pravda, všechny ty výjimky mají historické příčiny, však porozuměti jim lze jen tehdy, když známe mnoho jazyků starých i moderních. Toť však filologie, a ta není vědou srozumitelnou dětem!

Učení se arithmetice mohlo by býti cvičením již logičtějším, ale ze všech částí mathematiky arithmetika jest theoreticky nejnesnadnější. V algebře převládá analyse, v arithmetice zase synthese; jest tudíž arithmetika nesnadněji pochopitelnou.

Pro velkou nesnadnost theorií arithmetických bývá učitel chtěj nechtěj nucen učiti žáčky resultátům obyčejně bez jakéhokoli objasnění nazpamět, a mladý žák osvojuje si pak methody (výkony) jen pamětně (mechanicky), pojímaje je jako vzory sice následování hodné, ale ne zdůvodněné. K tomu přistupuje memorování prosaických a básnických článků, a nadevše ještě historie starých Řekův a Římanů, pro velkou rozdílnost tehdejších a nynějších mravů zcela nesrozumitelná.

Zkrátka, naše dítky přicházejí k jedinému závěru: Vše ve vědění lidském jest nahodilé, nepravidelné a nelogické. Zůstává-li přece v duchu našem i po mnoholetém takovém cvičení školním nějaká jiskra logičnosti, je to jen důkazem, že přirozená logičnost naše jest opravdu mocná a trvanlivá.

A nyní zkoumejme, co by se stalo, kdyby dítky naše hned od vstupu do školy učily se Esperantu.

Našly by zde úplnou (důslednou) logiku. Čtení bylo by jen hrou, mluvnická pravidla bez výjimek. Vše bylo by vysvětlitelno, vše mohlo a musilo by býti objasněno. Správné užívání jazyka nutilo by je k přísné analysi jejich myšlení. Odvykaly by mysliti a psáti dle vzorů hotových a obecným užíváním posvěcených, a i pro přesné vyjadřování myšlenek svých jazykem mateřským nabyly by velkého užitku z cvičení toho.

Sám jsem se přesvědčil, že studium Esperanta vyložilo mi mnohé z vlastního jazyka mého, čemu jsem dosud nerozuměl nebo toho necítil. S úžasem spatřil jsem nesčetné galicismy a nesprávná užití slov.

Rozmlouvaje o předmětě tomto s přáteli esperantisty

poznal jsem, že nejsem sám, kdo tak smýšlí. Všichni jsme byli jednomyslni.

Nesouhlasíte-liž i vy, milý čtenáři článečku mého?

Přeloženo z anglického čas. »The Esperantist« 1904, str. 115—117.[2]

# RUSOJ EN AZIO.

Oriente de Uralo ĝis al Pacifika Oceano etendas sin grandega lando, kiu estas preskaŭ dudekkvarfoje tiel granda kiel Aŭstrio-Hungarujo. Tiu grandega spaco ricevis sian nomon de malgranda vilaĝo Siberio.

Kreinto de Azia Rusujo estas Jermark, kies monumenton oni konstruis en malproksima Oriento. Jermak en j. 1581, kondukinte kelke da centoj de kozakoj, transpaŝis Uralon kaj post kelkaj jaroj li okupis grandan parton de lando Azia. En j. 1584 Jermak venis ĝis al rivero Irtiŝo, alfluo de grandrivero Obo. Li volis savi sin en ŝipeto, sed li ne prosperis; li pereis en ondoj, sed lia nomo vivas ĝis hodiaŭ en norda Azio.

Jermak montris al Rusoj vojon en Azion kaj li trovis kuraĝajn posteulojn, kiuj iris ĉiam pluen, de unu rivero al alia. De Obo, Irtiŝo al Jenisejo kaj de ĉi tie al Leno. Tie ĉi ili sciiĝis de enlanduloj, ke ekzistas ankoraŭ unu rivero, kiu fluas tra varmaj, fruktodonaj landoj en direkto al Oriento. Tio ĉi tre logis Rusojn.

En j. 1643 Pejakov kun 132 soldatoj kaj 1 kanono preparis sin por okupi tiun riveron. Post penaj bataloj li atingis Amuron. Li konstruigis ŝipetojn kaj per ili li travelis tutan riveron ĝis al ĝia enfluo, kie li ankaŭ pasigis vintron.

En j. 1647 Rusoj sciiĝis pri pli mallonga vojo al Amuro. Chabarov kun permeso de caro en jaro 1649 aranĝis ekspedicion en ĉirkaŭaĵon Amuran. Post egaj bataloj li venis ĝis Sungaro, alfluo de Amuro. Kiam li ricevis helpon de registaro, Chabarov iris pluen ĝis rivero Usuro. Tie li decidis fondi urbon Chabarovsk (Ĥabarovsko) apud enfluo de rivero Usuro en Amuron kaj Blagovješčensk (Blagovjeŝĉensko) apud enfluo de Zejo en

---

[2] »The Esperantist« — anglický měsíčník pro šíření mezinárodního jazyka. Vydavatel H. Bolingbroke Mudie. — Vřele doporučujeme! Předplatné 4 fr. přijímá administrace »Č. E.« *Red.*

Amuron. Chabarov intencis ekokupi Manĝurion, sed subite li ricevis ordonon reveni Moskvon kaj pli malfrue li estis sendita kiel gubernatoro en provincojn apud Leno.

1658 Stepanov kondukis ekspedicion al Sungaro, sed vojon baris Manĝuroj.

1648 Dešnev sur ŝipoj atingis tiaman markolon de Beringo. Amerikanoj bezonis 200 jarojn por veni de oceano Atlantika ĝis oceano Pacifika, Rusoj sukcesis nekompareble pli rapide.

Jermak en jaro 1584 dronis en ondoj de Irtiŝo, en jaro 1587 oni fondis urbojn Tobolsk, 1604 Tomsk, 1619 Jenisejsk, 1632 Irkutsk, 1638 Ochotsk.

En XIX jarcento gubernatoro de Siberio, Muravjev, regadis en tiuj landoj kun energio mirinda. Li devis batali kun Anglujo, Francujo, Ĥinujo kaj Manĝurio, sed post finigo de Krima milito, li povis sciigi al caro: »Amuro estas rivero rusa«.

Ĥinujo intencis kontraŭstari, sed ĝi ne sukcesis kaj en j. 1858 estis farita kontrakto Aiguna inter Rusujo kaj Ĥinujo. Per tiu kontrakto Rusujo ricevis liberan ŝipveturon sur Amuro kaj tutan maldekstran bordon de Amuro ĝis al Usuro. Al Ĥinujo restis dekstra bordo de Amuro ankaŭ ĝis al Usuro. De Usuro ĝis al enfluo de Amuro ambaŭ bordoj apartenis al Rusujo. Post farita kontrakto Pekinga (1860), Rusujo ricevis tutan Usuran provincon ĝis al oceano, parton de Manĝurio, tiel nomata »Primorskaja oblastj«, kie Rusoj fondis pli malfrue sian unuan fortikaĵon apud Pacifika oceano: Vladivostok.

Pluaj progresoj de Rusujo de konstruo de granda Siberia, Zabajkala, Usura kaj Manĝuria fervojo, ekokupo de Port-Arthur, Talienvan kaj arendo[1] de insulo Kvantunga kaj provincoj apud fervojoj de Ĥinujo, estas ĉie konataj.

El slovaka gazeto »Národnie noviny«, Nro 70. (1904)

Trad. *Th. E.*

**Rimarko de redakcio:** Se eble iu el niaj esperantistaj legantoj trovus en supra artikoleto ian eraron (ekz. ne tute ĝustajn datojn), volu tion afable sciigi al ni. Korektojn ni publikigos tre volonte en unu el numeroj venontaj.

[1] Arendi = najmouti n. pachtovati něco.

# VOJAĜO TRA »ESPERANTUJO«.

Rememoroj el jaro 1903 de *Ed. Kühnl.*

Viziton de urbo Tarare ĉiam mi rememoras kiam oni parolas pri Esperanto kaj komerco: ĝi ŝajnas esti al mi unu el unuaj urboj, kiuj ekligos per Esperanto komercajn rilatojn kun fremdlando; sed sama ŝajnas al mi esti ankaŭ St. Claude, kien mi alveturis el Lons-le-Saulnier kune kun amiko Balik, pasiginta ĉi tie jam unu jaron de sia foriro el Bohemujo.

Ni uzis vicinalan fervojon traveturantan pejzaĝon, kie ĉio, kio iam regionon povas beligi, estas amasigita en pli granda mezuro ol la fantazio povas elpensi. Estis bona okazo en la sama tago kunveni ĉe vespera festo kun kelkaj samideanoj: frl. Gindre, s-o David, s-o Caire k. a.

Mia artikoleto fariĝus certe tro enua kaj unuforma, se mi volus tie ĉi (kvankam plenrajte kiel ĉe ĉiu alia okazo) aparte aludi, ke Esperanto refoje montriĝis taŭga kaj ke ni ofte disiris ĝis post noktmezo.

Reveninte duan tagon kun amiko Balik, ni promenadis en Lons-le-Saulnier kun s-o Mollard, direktoro de tiea gazfabriko. Vizitante ĉefajn konstruaĵojn de urbo, ni pasigis belan posttagmezon — mi denove devus ripeti ke: Esperanto sufiĉis al ni k. t. p.

Plej proksiman haltiĝon mi faris en Beaune, pri kiu mi volus diri la saman kion Merian pri Stuttgart:

Se la vinberoj en ĉirkaŭaĵo ne estus ĉiujare rikoltataj, ili minacus la urbon superakvigi t. e. »supervinigi«: sed por tion malhelpi, la bonaj Beaune'anoj klopodas subterigi la superfluon en kavojn kaj per ŝtopiloj fermi la danĝeran fluidaĵon. La senfortigitan danĝerulon mi vizitis en kavoj de s-o Vesoux kune kun li kaj s-o Dro Fromageot. Se la cirkonstancoj al mi permesus, mi parolus pri Beaune kaj ĝiaj loĝantoj pli longe, same pri vizito de belega malsanulejo, pri kunveno kun s-o Deschampe k. a. kaj pri amataj gastigintoj — sed neeble.

Por prilabori tiom da materialo per nemultaj vortoj, mi devas kontentiĝi preskaŭ nur per cito de nomoj de samideanoj vizititaj; mi vidas: legado fariĝos unuforma, sed ĝi servu almenaŭ kiel pruvo, ke Esperanto fariĝas jam lingvo viva.

Agrable mi estis surprizita en Dijon, rekunveninte tie kun s-o prof. Blanc. Ni vizitis kune dum la tago la urbon (parkon, bele ornamitajn preĝejojn kaj »kolonon de Moïse«); vespere estis aranĝita kunveno en stacidoma restoracio, kien alvenis preskaŭ ĉiuj estroj de Dijon'a movado esperantista.

Poste ni eliris por viziti duan kunvenon en kafejo; mi citu el multaj ĉeestantoj:

S-oj prof. Lallemant kaj Lambert, kiuj estas bone konataj al ĉiu leganto per bonegaj verkoj esperantaj, prof. Dupaquier, s-o Japiot. — Kun s-o Blanc kaj s-o Lambert mi vizitis la universitaton, kie, interparolante esperante antaŭ la fremdaj studentoj, ni propagis sukcese nian ideon.

La trian tagon, pasiginte tre agrablan tagmezon kun s-o prof. Lallemant, mi forveturis. Du aŭ tri horojn pli malfrue — kaj mi denove parolis esperante kun samideano — s-o prof. Mossmann en stacidomo de Chaumont; la posttagmezon ankoraŭ ni kune vizitis rimarkindan konstruaĵon ĉe Chaumont: fervojan viadukton, kaj ĉe vespermanĝo ni kunvenis kun s-oj Dufner kaj Amidieu. Notinte en mian taglibron unu belan tagon pli multe, mi ekveturis matene senpere en Parizon.

Vojire sekvis unu penso la alian: kiom da vidindaĵoj, kiujn mi volus viziti — kiun pli frue? Kaj mi estas nur unu!

Sed surdiganta bruo de grandurbo baldaŭ dispelis la pensojn kaj mia atento tuj estis okupita per diversaj novaĵoj, el kiuj la plej frapanta estas la strata industrio pomalgrande. Priskribo de ĉi tiu fako komerca estus vere kolektinda en memstaran libron.

En la stratoj regas vigla vivo ĝis malfrua nokto, aŭ pli bone: ĝis frua mateno; miloj da veturiloj kaj centoble tiom da pasantoj preterrapidas. Kaj eĉ la ornamigo de konstruaĵoj altiras grandaparte atenton de fremdulo; kvazaŭ oro kaj arĝento kuŝus sur pavimo: kiom da mono oni elspezas por la ekstera ornamigo de urbo, por ke la »sireno de Seine« plaĉu! Kaj ĝi vere plaĉas. Tamen, kvankam la beleco de urbo plene okupas okulojn, resoniĝas la mallaŭta atestanto de denaciiĝo — la stomako. Mi ne volas blasfemi, sed nur konfesas sincere kaj humile al Vi, miaj paciencaj legantoj, ke al patriotismo de l' stomako apartenas

unu el plej eminentaj lokoj en kolekto da plej diversaj patriotismoj. Kaj eĉ min igis la internaj riproĉoj elserĉi unu el multaj Parizaj kuirejoj bohemaj (ĉekaj). En apuda strato, kien bruo de veturiloj kaj de paŝantoj preskaŭ ne penetras, kvankam ne estas malproksime unu el la plej vivaj punktoj — place de l' Opéra — elkreskis kvazaŭ kiel en fabelo bohema ŝildo: »Český hostinec«. Tagmanĝo en ĉi tiu restoracio estis por mi kiel verda oaso por karavano.

Kun novaj fortoj mi eliris denove en vivan straton. Kien pli frue? Ĉu al esperantistoj? Ĉu viziti urbon? La unuan tagon mi decidis viziti Eifelturon por orienti min en la homa abelujo.

Eĉ la moderna babilona turo mem meritus pli multajn vortojn, sed mi kontentiĝu nur per cito de ĝia fama nomo. La suprenveturo bone instruas vizitanton pri situacio de urbo, klare videbla ĝis kien la vido povas penetri tra nuboj limigantaj horizonton. Miloj da konstruaĵoj sur ebenaĵo — nur ĉe Montmartre ondiĝas kviete amaso da domoj. Grandegeco eĉ unuforma ne estas enua, nome se ĝi estas beligata per impresplenaj konturoj de malproksimaj monumentaj konstruaĵoj.

Oni rimarkas la majeston de Louvre, oni sentas respekton antaŭ katedralo »Notre Dame«, oni ekkonas en nuba ombro kupolojn de palaco de Mazarin, kie nemorteblaj loĝas vivantaj kaj tiujn de Panthéon, kie la samaj ripozas por eterne.

Ĉi tiu rigardo fiksiĝas en memoro per trajtoj neforgeseblaj, per koloroj neforviŝeblaj.

Kvazaŭ de teatra galerio mi rigardis en scenejon de granda prezentado de civilizacio kaj de kulturo: en ekspoziciejon. Sed ŝajnas al mi, ke ia ludo finiĝis — ke la kulisoj estas forigataj; nur disfosita tero kaj senordigitaj ruinoj rememorigis pri beleco, kiun liveris kaskadoj de elektra palaco miksintaj ilian ŝaŭmon kun lumo de sennombraj lampoj. Tempe eksonis ekkrako kaj baldaŭ sekvis surdiga tondrosimila bruo kaŭzita per disfaligataj feraj skeletoj de palacoj — siatempe admiritaj. — Ĉia gloro — kampa floro, diras bohema proverbo.

Ne malsimile al araneo malsupreniĝis refoje la homaltigilo kaj elŝutis la enhavon en stratojn de granda urbo.

Nun alvenis jam tempo por viziti samideanojn. Mi diru nelonge, ke en Parizo la sorto aŭ pli bone la bon-

vena feliĉo kunkondukis min kun 6 diversnaciaj samideanoj, kun kiuj mi pasigis ofte rememoratajn vesperojn esperantajn.

Krom s-on Mann (Anglo), kun kiu mi veturis en Versailles'on, mi vizitis s-on Fruictier, redaktoron de »Lingvo internacia«, s-on inĝ. Arnoult, k. a.

Estis ankaŭ en Paris, kie mi kunvenis refoje kun prof. Blanc, kun kiu mi ĉeestis en kunveno de tiea klubo.

## EN ALPOJ.

Originale verkita.

*Finhaut* (Valisaj Alpoj, Svisujo), julio 1904.

Sur la kruta deklivo de la monto, mi sidas revante sub unu el la lastaj abioj kreskantaj ankoraŭ en tiu alteco. Belaj, ruĝaj alprozoj amase ĉirkaŭas min. Dekstre, super du ŝtonegoj restis iom da neĝo. Antaŭ miaj okuloj aro da blankaj pintoj sin montras en la interspaco inter pli proksimaj montoj. La suno briligas la bluan glaciejon, kiu ŝlosas la valon. Malsupre, en la profunda valo fluas la torento furioza kaj ŝaŭmanta. Vere bela kaj impona vidaĵo! Eĉ teruran ŝajnon havas la nudaj suproj de l' antaŭaj montoj. Profunda silento regas. Malvarma venteto blovas... Subite, tre mallaŭte, dolĉe, eksonas sonorado, kiu alvenas konfuze kaj malklare al miaj oreloj. Mi rigardas malsupren: La vojeto zigzaga, kiu kondukas el la vilaĝo al la altaj paŝtejoj, ŝajnas blanka serpento en la verdaj kampoj... Baldaŭ aperas sur ĝi longa sekvantaro, kies partoprenantoj ŝajnas malgrandaj formikoj. Ĝi rampas, rampas malrapide, supreniras sekvante ĉiujn zigzagojn de la blanka vojeto. Nun la sekvantaro estas proksime sub mi, kaj mi ekrimarkas pli bone: Antaŭe, du knaboj kun sonoriletoj en la manoj; grupo da junulinoj portantaj flagojn kaj sanktajn standardetojn; poste kelkaj geknaboj, kantante unutonan kaj dolĉan melodion, marŝas antaŭ la pastro en blanka ceremonia vesto. Nun venas grupo da viroj, kaj multo da gevilaĝanoj, kelkaj portante korbojn kun provizoj. Fine sekvas tuta brutaro: bovinoj kaj kaproj kun dikaj sonoriloj pendantaj sub la kolo. Vilaĝaj junuloj kondukas ilin, tenante branĉetojn de arboj kun konservitaj folioj ĉe l' ekstremaĵo... Sed nun, ĉe turniĝo de la vojeto, la procesio ekmalaperas. Baldaŭ la lasta paŝtisto kun siaj kaproj malaperis post la ŝtonegoj. Kantado kaj sonorado pli kaj

pli mallaŭtiĝas ... Kaj ĉio resilentiĝas. Nur du ombroj, kurantaj antaŭ mi, igas min rigardi supren: du agloj alte flugantaj rapide pasas super mi.

Mia penso vagas ... mi pripensas tiun strangan procesion, tiel beletan per sia simpleco ... subite mi ekmemoras, ke malsupre, en la vilaĝo, oni parolis pri la baldaŭ okazonta ceremonio ĉiujara de la »beno al la paŝtejoj« ... kredeble malnova, tre malnova kutimo, konservita tra jarcentoj en tiu alpa valo, kaj sekve des pli interesa! Tre kredeble, en la ebeno, apud urboj aŭ eĉ en valoj, kie troviĝas multaj grand'hoteloj, tia procesio ŝajnus ne nur stranga, sed vere ridinda; sed tie, alte en Alpoj, en loko sovaĝa, ĝi tiel bone harmonias kun la ĉirkaŭa pejzaĝo, kie ĝi formis belegan pentrindaĵon samtempe ripozigante kaj ĉarmante miajn okulojn.

*Edmond Privat,*
*direktoro de »Juna Esperantisto«.*

# PINOJ KAJ ABIOJ!*

Serbe de *Petar Kočić.*

Tre estimata sinjoro redaktoro! Mi sendas al vi por via laŭdinda gazeto »Č. Esp.« tradukaĵon de la figuraĵo de unu el plej bonaj serbaj rakontistoj. Mi pensas, ke tio estas unua kaj sola tradukaĵo el serba lingvo, ĉar Esperanto estas nur iom disvastigita en serbaj landoj. Inter miaj samurbanoj estas nenia esperantisto; la ideo mem ne estis konata antaŭ mia alveno. Sed de tiu ĉi tempo trovos Esperanto inter Serboj (en Bosnio kaj Hercegovino) nombrajn kaj fervorajn anojn.

La merito por la komenciĝo de l' disvastiĝo de Esperanto inter Serboj apartenas al Bohemoj, ĉar mi studis en Praha kaj tie mi unue konatiĝis kun Esperanto per estimata s-o Ed. Kühnl.

Respektplene vin salutas

Mostar (Hercegovino), 20./VI. 04. *V. Kralj*, juristo.

*

De juna brileta ĉielo malsuprendisiĝas viva, palpebruma, gaja lumo. Bonodoras la galanto, tiu printempofrua dormetema arbarmonta floro. Sur malsekaj arbaraj maldensejoj verdas kontentaj obstinaj papaveroj kaj sur sekegaj ŝtondeklivoj inter putraj elbrulitaj filikoj komencas bluiĝi agrable odorantaj violoj.

---

* Alegorio, en kiu estas priskribita la malespero de malfeliĉa loĝantaro de okupitaj provincoj Bosnio kaj Hercegovino. Pinoj kaj abioj estas bosniaj kampuloj, kun kiuj kune ploras la poeto. — Rimarko de l' tradukinto.

La birdoj dolĉe kaj bonsone kantetas kaj tremante en dorlotema ravanta ekscito, transflugas de unu branĉo sur alian. Per fulgaj kamentuboj sibletas mallaŭte la fumo kaj gaje, malrapide ondiĝas per maldensa pale-luma printempa aero, malaperiĝante en malagaja kvazaŭglacia bluo de pina, la vilaĝon fiere superiganta, arbarmonto.

Rigide, ŝtonigite, majeste leviĝas la pinoj kaj abioj per serena, rideta lumo. Ili estas malgajaj, pensemaj. Ĉio ĝojas pri revenanta, ŝvelanta vivo — sed ili? Al ili estas ĉio egale: kiel somero tiel printempo, kiel aŭtuno tiel vintro. Ili restas ĉiam malvarmaj, seriozaj, malgajaj, ĉar — la koro ĝemas, neniu ĝin aŭdas; larmoj fluas, neniu ilin vidas.

Kiam aju mi ilin ekrigardas, mi malgajiĝas. Kial naturo al ili, al miaj karaj kaj amikaj pinoj kaj abioj estis tiel senkompatema?

Miaj pinoj kaj abioj, mi ankaŭ nenion plu esperas; ankaŭ mia vivo same kiel via estas plena de delikata, profunda sopiro, sed — la koro ĝemas, neniu ĝin aŭdas larmoj fluas, neniu ilin vidas.

Viaj akraj pintaj pikfolioj, estas glaciiĝintaj larmoj — mi scias bone! — kaj ilia verda koloro estas sopiro, profunda, delikata sopiro pri la eterne verda printempo neniam al ni alvenonta! . . . Koro ĝemas, neniu ĝin aŭdas; larmoj fluas, neniu ilin vidas — — —

Tradukis *V. Krulj.*

## AL ALEKSANDRA OSIPOVNA SMIRNOVA.

De *Lermontov* (1840).

Seu vi mi multe diri volas,
kun vi mi aŭdi volas vin,
sed vi silenta ne parolas,
kaj silentigas ankaŭ min.

Mi per rakonto do parola
ne povas vin amuzi, jes . . .
Ridinda estus la konfes',
se ĝi ne estus senkonsola . . .

* * *

De *Lermontov* (1836).

Ŝi kantas — sonoj fordegelas
tuj kiel buŝa dolĉa kis';
rigardas ŝi — ĉielo helas
en la okuloj de turkis';

ŝi iras — ĉiu gesto ŝia,
se diras — ĉiu bel-lini',
pleniĝas per influ' gracia,
kaj per mirinda harmoni'.

La 27an de januaro 1902.

Trad. *Ivan Selexnjov.*

# INFANOJ.

De *Ivan Najivin**.

Mi tre pentadis, ke neniajn librojn mi prenis kun mi en N . . ., la svisan vilaĝeton, kien mi alveturis por vivi trankvile daŭre monaton. Estis varmegaj tagoj; laboro ne iris bone; en biblioteko de hotelo mi trovis nur kelke da senordigitaj kaj ĉifitaj volumoj de »Revue des Deux Mondes« kaj ĉirkaŭ deko da anglaj morinstruaj romanoj. Enuante, mi provis fari kelke da konatiĝoj, sed tio nur plifortigis la enuon. Miaj hotelaj kunloĝantoj estis kelke da ĉieestantaj Anglinoj de problema aĝo, tintantaj je malagordigita piano kaj kantantaj; plu — tri respektindaj Angloj de karaktero ekstreme militema: tutajn tagojn ili legis »Daily Mail« kaj poste furioze disputis pri politiko. Agrabla kontrasto al ĉi tiuj ŝovinistoj militemaj estis modesta, kvieta germana vidvino kun du filinoj: ili estis beletaj tipoj de Grethen', naive senĉese raviĝintaj jen per montoj, tie per floretoj aŭ birdetoj. Estis ankoraŭ kelke da Francoj ekstreme korektaj kaj ĝentilaj; post tagmanĝo ili sidiĝadis en ombro de granda acero, kie fumante cigarojn kaj sorbetante el negrandaj glasetoj likvorojn, ili unue interparoladis pri politiko kaj poste komencis pacan interparolon pri »pikantaĵoj«. Aparte de ĉiuj sin tenis ia suspektinda grafo de hispana eksteraĵo; lia kunvojaĝantino estis ankoraŭ pli suspektinda »nevino«, la bela brunulino kun brula ruĝo sur vangoj. Juna Svedo kun revaj okuloj ofte vespere sidiĝis al fortepiano kaj bonege ludis kompo-

---

* Ivan Naĵivin estas juna kaj ankoraŭ malmulte konata rusa verkisto, kies nomon oni ne trovas eĉ en plej plenaj enciklopediaj vortaroj. Tamen li estas sendube granda literatura talento, kies verkoj meritus la plej larĝan disvastiĝon, ĉar vice kun ĉarma ekstera formo, vice kun riĉeco de l' suĵetoj kaj pentraĵoj — ili posedas grandegan internan indon, konstante memorigante la leganton pri la terurajoj kaj nenormalaĵoj de l' vivo ĉirkaŭanta lin kaj instigante lin serioze pripensi kaj mediti ilin.

Malgraŭ la senĝojeco de plimulto de siaj rakontoj, Naĵivin ĉiam restas plena je kredo en proksima aliformiĝo kaj renoviĝo de l' homara vivo. Unu el lastaj liaj volumoj havas kiel epigrafon la fierajn vortojn de Ém. Zola: »La vérité est en marche, rien ne l' arrêtera« (La vero komencis la militiron; nenio haltigos ĝin).

En »Český Esperantista« (Nro 9a — 1903) jam estis lokita unu el rakontoj de Naĵivin: »La haro de Madono«. — Rimarko de l' tradukinto.

